# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO
http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/
6/10/2012 Sepdeksepa Eldono 2012 06/10/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else
La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

**GRAVAJ DATOJ** vidu **Tamen Plu** de Bob Felby

# Parto kun hiperligiloj
# Klaku! KLAKU!





http://peranto.posterous.com/pri-la-evoluo-de-la-homa-cerbo-i



## AŭSKULTU, LEGU ESPERANTAN RETRADION TAGE



Informaj rakontetoj, Bona lingvo, Malmultaj minutoj.

Plibonigu vian Esperanton

http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

## MIA UNUA FILMETO PRI BRISBANO http://www.youtube.com/watch?v=zYll2Ls6j1A

David Astle at the Esperanto conference in Brisbane (angle)

## MIA DUA FILMETO PRI BRISBANO http://www.youtube.com/watch?v=mCp846CYJs4

Dro Margarita Pavlova parolas en Esperanto dum la Esperanto kongreso en Brisbano

Filmetoj de Nicole

# AEA Informas

Loko por informoj de AEA

# LETEROJ (sen bezono klaki)

## LA MONDETO PROJEKTO



Finfine kelkaj respondoj rilate al la financoj de AEA. Kiom kostis la Mondeto-projekto de Penny Vos?

Instruado (Penny Vos) $26,791.04 (cifero prenita el The Australian Esperanto Association Ltd. Profit & Loss July 2007 through June 2011). Ĝi inkluzivas flugbiletojn por Penny, elspezojn por foiroj, salajron por Penny, ktp). Bonvolu noti ke ĝi ne enhavas la ciferojn por 2012 kiuj estis proksimume $10,000 laŭ mia kompreno, sed detalojn mi ne ricevis por 2011-2012.

Kosto por presi 1,000 ekzemplerojn de la libro de Penny Vos: proksimume $10,000.
AEA pruntedonis $10,000 al Penny Vos por ke ŝi povu presi sian libron.
Penny ankoraŭ ŝuldas al AEA $8,978 laŭ la Profit & loss 1/7/2011 to 30-6-2012.

Post la pruntedono AEA donis $1,800 al Penny por ke ŝi donu 36 librojn al AEA. Do fakte AEA elspezis pli ol tion kion Penny jam repagis.
La kondiĉoj de la repago estas ke Penny repagu $11 por ĉiu vendita libro. Se la libroj ne vendiĝas, ŝi ne bezonas repagi la pruntedonon.
Nu iuj libroj certe vendiĝos, sed jam pluraj jaroj forpasis kaj nur malmultaj vendiĝis, do mi timas, ke granda parto de la pruntedono neniam estos repagata.
Laŭ mi ne estis tre saĝe presi la libron en tiom granda kvanto. Krome ĝi ne estis tre bone provlegita. Ekzemple tuj ĉe la komenco en la enhavpaĝo oni legas "aphabet" anstataŭ "alphabet". Mi esperas, ke la nova estraro lernos ion el tiu sperto.

Nicole



Unu problemo de la antaŭa estraro estis la manko de informoj.
Ili ne informis la membraron aŭ informis nur iomete sen detaloj pri multkostaj projektoj.
Eĉ nun, la listo de elspezoj kaj enspezoj enhavas demandosignojn kaj do ŝajne eĉ la kasisto ne sciis pri kio temas.
Mi esperas ke la nova kasisto ricevos helpon por scii pri la vera stato de la financoj. Roger Springer

**La Mondeto projekto perdigis al AEA monon ĉar la antaŭa estraro donis la monon sen postuli rezultojn.**



Estis sonĝo de Penny kaj de la malnova estraro.



**Ĉiuj havas sonĝojn sed ne ĉiuj riskas sian propran monon. Kial ne provi, se ne estas via propra mono. Provu, provu kaj AEA helpos se vi ne povas repagi la pruntedonitan monon.**

**Estas la respondeco de la pruntodonanto, AEA, esti zorgema kaj certi ke la pruntedono povos esti repagata.**

**Roger Springer**

# KIAL mi ne forgesu la pasintecon?

Ĉar nur tiel neniu estonte povas kredi ke per demisio oni evitas sian respondecon.

Mi kompatas la novan kasiston Roger Springer

# Ĉu $250,000 aŭ pli? uzitaj de AEA dum 7 jaroj

Ĉu leĝaj plenaj detalaj kontoj de tiu periodo ekzistas? Kontoj sen demandosignoj.

**EksPrezidantoj Igor Couto kaj Dianne Lukes estris tiun periodon**

# LA AEA-JARKONGRESO 2012



Jen kelkaj el la partoprenantoj antaŭ la universitato Griffith.

foto de Nicole

**"Dankon al ĉiuj kiuj venis al Kvinslando por la AEA-kongreso.** Hazel Green"



AEA kunveno 2012 Brisbano foto de Kam Mt Gravatt elrigardejo

## Nicole Skribas pri la AEA jarkunveno (malnova estrara)

Mi memoras, ke en la pasinteco jarkunvenoj estis okazoj dum kiuj la membroj multe voĉdonis, sed bedaŭrinde ne plu.
La unua parto de la jarkunveno devintus okazi de la 10a matene ĝis la 12a. Bedaŭrinde Diano perdis la liston de la personoj kiuj pardonpetis pro ne-ĉeesto. Ŝi longe serĉis kaj finfine decidis provi memori kaj malrapide donis kelkajn nomojn. Kiam tiu parto finiĝis jam estis duono post la 10a.
Poste ŝi legis sian longan raporton kaj aldonis komentojn. En sia raporto ŝi menciis ekzemple ke ŝi havas belajn genepojn. Kiel tio rilatas al AEA, mi demandis min. Mi komencis timi, ke la tuta kunveno estos nur legado de la raportoj sen ia ajn okazo por fari demandojn kaj diskuti. Mi pensas, ke je la 11a proksimume nur unu raporto estis legita.
Poste venis la aliaj raportoj. La lasta estis la raporto de la financdirektoro. Kvankam estis tiam post la 12a horo, Diano ne insistis, ke la kunveno finiĝu akurate kaj ni povis fari demandojn. Do mi faris demandojn pri la pruntedono de mono al Penny. Penny koleriĝis pro tio kaj menciis Igor. Personoj kiuj faras demandojn ja riskas kaŭzi la demision de Esperantistoj.
Kvankam pluraj aliaj membroj diris al mi, ke ili nepre volas fari demandojn pri la financoj de AEA ili ne faris, eble ĉar ili jam malsatis, kaj sciis, ke la kunveno devintus fini je la 12a kaj do ne vere restis tempo.
Mi esperas, ke estontece estos antaŭvidite pli da tempo por tiu parto. Du horoj por legi kaj pridiskuti ĉiujn raportojn tute ne sufiĉas.

# La AEA jarkunvenoj

## Roger Springer skribas mallonge

Vendreda vespero, Sabato, Dimanĉo havis amuzprogramojn por la ĉeestantoj. Lundon oni aranĝis du aferkunvenojn 2 horan por la malnova estraro (fakte 2 ½ horan) kaj unu horan por la nova estraro.

### La kunveno de la elirantaj estraranoj

Estis multaj demandantoj kiuj ne ricevis finajn respondojn re AEA mono. La kasisto Suzanne ĉeestis nur tiujn du horojn (dankon) kaj la ĉeestantoj lernis iom.
Mi esperas ke ŝi kaj Stephen Pitney, kiu ne venis, informos la novan kasiston detale pri la monaj aferoj (perdo kaj uzo de mono el kiuj fondusoj aŭ aliaj kontoj)
Forlasi postenon ne signifas, ke vi ne respondecas pri viaj antaŭaj decidoj.
Eviti respondecon per la uzo de malprecizaj respondoj ne estas bone.

### La kunveno de la nova estraro

Ĉar Sandor, la nova prezidanto regis tiun kunvenon tre profesie kaj la proponantoj ne petis tujajn decidojn, la kunveno glate progresis kaj la donita unu horo sufiĉis.

## Roger Springer proponas

**Mi proponas** ke AEA unue akceptu ĉiujn Aŭstralianojn kun konata retadreso kiel ‚**Associate Members**' senpage dum la periodo dum kiu iliaj retadresoj validas aŭ ĝis kiam ili petas forlason de la membreco. Ili fariĝas „plenaj membroj" per pago de la kotizo. Tuj ni havos 200? membrojn. Tre bone!

**Full Membership** de AEA estu post pago de ĉu $10? por fieraj Esperantistoj kiuj



deziras mon-subteni la AEA kaj por esperantistoj sen retadreso ekz familianoj kaj aliaj.
Specialaj projektoj bezonus laŭvolan donacadon de la subtenantoj ekz por papera ESK??
Se la kotizo estas nur $10 studentoj, maljunuloj, senlaboruloj povos pagi la saman kotizon kiel ĉiuj.

Ankaŭ vi pensu pri la AEA kotizoj, Rigardu la 2011/2012 financan raporton.
La tuta perdo estis $4000. Penny Vos ricevis $10000. Membroj pagis $2375 en kotizoj
Sen elspezoj pro Penny kaj sen kotizoj estus $3625 da profito dum 2011/2012
Kiam vi faras decidojn vi devas scii la faktojn, ne onidirojn

**Life membership** povus esti honora posteno

**Alia penso**: Full Membership normala kotizo de $20? ne $10? povus esti familia kotizo de Esperantistoj ĉe la sama stratadreso ĉu unu persono, aŭ du, aŭ pli de la sama familio.



Sendu viajn opiniojn pri kotizoj al la nova estraro, kaj al mi
Roger Springer rspring@tpg.com.au

# KLUBNOVAĴO





Manlia Esperanto Klubo
kunvenis sabaton 6/10
Kvar homoj venis hodiaŭ la 6an de oktobro 2012.
Eunice Graham, Chris Holliss, Ian Wylles, Roger Springer

## Ĉu via klubo kunvenis?



Maldetala informo sufiĉas. Skribu al AE rspring@tpg.com.au
Se eble sendu desegnon aŭ foton taŭgan por via grupo kun la raporto



AEA kunveno 2012 Brisbano foto de Kam Griffith University Mt Gravatt Campus

# Diru al ni, eĉ se la afero ŝajnas bagatela.

Mi ofte konvinkis kelkajn de miaj studentoj lerni Esperanton. Jen la nuna grupo. Ofte ni kunvenas en la "Centra Bazaro" de Adelajdo.




Se vi faras ion ajn rilate al Esperanto, se vi instruas nur unu personon, se vi vidis kaj parolis kun persono kun verda stelo, se vi aŭdis ion interesan rilate al Esperanto aŭ se vi havas eĉ malgrandan Esperantan aventuron, bv skribi al ni.
Ĝuste via malgrava novaĵo povas inspiri aŭ eksciti aliajn.
.... kaj se la novaĵo estas ne bagatela kaj grava, nepre skribu. Amike,Sandor

(2) La Adelajda grupo decidis peti budon ĉe la venonta WOMADELAIDE Festivalo, kiu okazos dum 4 tagoj en marto. (08/03 - 11/03/2013).
La budo kostos $750 kaj ni devas skribi seriozan sinproponon.
Se vi volas/povas helpi, rigardu

http://womadelaide.com.au/charity_stall_applications/new

kaj proponu kiel plibonigi nian gravan sinproponon. Amike,Sandor



# The English Section



Mi skribis angle, ĉar mi volas klarigi ion al ĉiuj,
inkluzive komencantojn. Mi dankus, se vi iam enmetus Trevor

## DO YOU REALLY WANT TO IMPROVE YOUR ESPERANTO?

Why not do an AEA exam? The word "exam" may have unhappy connotations, but the AEA exams are not like those in school or university. You have three months to do them, and can consult as many books as you wish (the only condition: the answers must be **yours**, not somebody else's).

There are three levels of exams:

[1] *elementa:* this tests basically your grasp of the grammar, your ability to read short texts and answer questions on them, and your ability to write short passages in Esperanto. You can ask for a "trial run", i.e., a specimen exam very similar to the official one.

[2] *norma supera:* this assumes a solid knowledge of the grammar and asks for more extended original passages in Esperanto.

[3] *klereca:* this should be attempted only by people experienced not only in the language, but its history, its literature, the grammatical debates, etc. Various types of texts have to be translated. A precondition: you must have had a lengthy essay or book published, or be prepared to write a "thesis".

If you are really keen to improve your Esperanto, write to me at *trevor.steele99@gmail.com*


